UEA-Komisiono por Ameriko 

Novaĵletero - N-ro **7**, Decembro/2001

# AktivAmeriko
http://www.geocities.com/espameriko

## Kongreso de la 3 Kalifornioj

Kvankam ne ricevis Meksikan vizon tri rusinoj kaj unu niĝeriano, la Kongreso en Mexicali havis partoprenon de eksterlandanoj: Frank Helmuth (iama Prez. de ELNA) kaj edzino, Prof-ro Duncan Charters (Elsa-Illinois), Prof-ro Ron Glossop (Saint Louis-Missouri), Jan Neumann (Prezidinto de Ĉeoslovakia Junularo de Esperanto) kaj E-kantistino Alberta Casey (San Diego). Krokodilado ne eblis ĉar usonanoj anglalingvaj kunĝuis kun meksikanoj hispanlingvaj.
Prof. Charters prelegis en Universitato Cetys kaj instruis akcelan kurseton de Esperanto. Li ankaŭ prelegis en Hotelo Lucerna, same kiel Prezidanto de AIS-RSM-Meksikio Ruben Feldman Gonzalez, kiu prelegis esperante pri Scienca Psikologio de la 21-a Jarcento, tradukata en la hispanan de sia edzino Cecilia. Estas videobendigita konferenco de Duncan Charters: "Esperanto por faciligi lernadon de fremdaj lingvoj". La konferenco de Prof. D-ro Feldman peteblas rete senpage al rufegon@mxl.cablemas.com

Dimanĉe (la 9-a) estis prelego pri "Paco, Milito, Afganio, Internacia Kortumo kaj Esperanto" de Prof-ro Glossop (rglossop@mindspring.com), aŭtoro de la libroj "Confronting War" (4 eldonoj) kaj "Monda Federacio?". Estas bonsona videobendigita konferenco. Ni aŭskultis la belajn kantojn de Alberta Casey (berta@inreach.com) per nova KD de ŝi.
15 personoj enskribiĝis al la 4-a Elementa Kurso de Esperanto en Mexicali, instruota de R. Feldman dufoje semajne. Lokaj ĵurnalo, televido kaj radio respondis tre kunlaboreme kun la organizantoj de AIS-RSM-Meksikio. José Rodríguez Cantu, profesoro de UABC, promesis lerni Esperanton kaj prelegi pri "Varmiĝo de la tero kaj danĝero de glaciiĝo subita" en Januaro. Ankaŭ alia profesoro de UABC, Antonio Aviles Arzate, promesis paroli en tiu Salono la 11-an de Januaro pri la temo "Meksikio en la Mondo 2002."

Okazis kunsido kun Rektoro de Universitato Cetys de Mexicali-Meksikio. Konkludo de la kunsido estis: lomenci kunlaboron kun AIS-RSM-Meksikio A.C. unue pere de seminarioj kaj konferencoj, due pere de elekteblaj klasoj kaj trie fondi Internacian Interfakan Fakultaton en-muran kaj ekster-muran (uzante reton).

Akordo estis atingata por okazigi la Duan Kongreson de la 3 Kalifornioj (2002. Nov. 8 ĝis 10) en Mexicali-Meksikio. Frank Helmuth (San Diego-Usono) promesis helpi en la Organizado de la Dua Kongreso kaj korekti erarojn de chi tiu Unua Kongreso. Li kontribuis kun 100 dolaroj je la pago de la Kongresejo, kiu kostis 1000 dolarojn.

laŭ raporto de
**d-ro R. Feldman González**

***Karaj legantoj,***

Vi trovos en pluraj ekzemploj ĉinumere, ke ni Esperantistoj montriĝas al la ekstera mondo pli kaj pli ofte. Kaj tiel devas esti. Ankoraŭ estas malmultaj okazoj de reprezentiĝo en ekstermovadaj aranĝoj, sed tio ja okazas ankaŭ en nia kontinento. Kaj en nia kontinento oni enspiras la aeron de venontjara Universala Kongreso, el milda vento de la Fortaleza marbordo.

***La Redaktanto***



## Post dek jaroj, Ameriko denove sentas la ritmon de Universala Kongreso

Washington, 1910; San Francisco 1915; Portland 1972; Brasília 1981; Vancouver 1984 kaj Habana, 1990. De dek jaroj Ameriko ne sentas la alproksimiĝon de Universala Kongreso de Esperanto. En Fortaleza, ĉefurbo de la brazila provinco (ŝtato) Ceará [pron. seara'], la laboroj jam komenciĝis antaŭ multaj monatoj, antaŭ la fina decido mem de la estraro de UEA, kiu en Berlino akceptis la inviton por okazigo de la 87-a UK en Brazilo.

Fortaleza estas urbo kun 2,5 milionoj da enloĝantoj. Ĝi havas tradician turisman industrion, kiel cetere la nordorienta regiono de Brazilo, en kiu ĝi situas. En la lastaj jaroj tiu strukturo por turismo kaj kongresoj kreskis en rimarkinda skalo. La urbo kaj ĉirkaŭaĵoj oferas plurajn allogaĵojn kulturajn kaj naturajn, kiel la regiona kuirarto, riĉa je marestaĵoj kaj fruktoj.

Al aventur-amantoj, ĝi oferas kromemociojn dum la vizitado al dunoj, en kiuj specialaj aŭtoj defias la graviton kaj la kuraĝon de la vizitantoj. Oni povas iri plurcentajn metrojn en la oceano, en jangada [pron. ĵangada], tipe loka fiŝista floso, kaj plonĝi en profundan maron, provizita per savzonoj.

**Monda Junulara Festivalo - Panamo 2001**
**Mayrim Sandoval (Venezuelo)**

Iomete ĥaosa, ne tro luksa sed sufiĉege interesa kaj bona sperto estis la partoprenado en la Monda Junulara Festivalo en Panamo kiun mi ĉeestis nome de TEJO kune kun Antonio Leoni (kiu partoprenis nome de Indiĝenaj Dialogoj) kaj kunlabore kun Roberto Perez Franco.

Dum la Festivalo TEJO havis budon, kiun ni dividis kun ID, en la "Foiro pri Internacia Kunlaborado" organizita de YDC (Junularo por Disvolvigo kaj Kunlaborado), kie partoprenis amason da diversaj naciaj, regionaj kaj internaciaj organizoj el la tuta mondo.

Kadre de ĝi okazis la "V Internacia Solidareca Konferenco kun la Okcidenta Saharana Junularo" kiu estis la plej sukcesa aranĝo de la festivalo kaj kiun mi ankaŭ partoprenis nome de TEJO ene de niaj homrajtaj aferoj. Ankaŭ okazis dum la festivalo prepara sesio por la Monda Konferenco kontraŭ Rasismo, Ksenofobio kaj aliaj Rilataj Netoleremaj Agoj, kiun ankaŭ mi partoprenis nome de TEJO. En tiu aranĝo partoprenis reprezentanto de EYF, kiu fakte konas Enĉi Barkoviĉ, kaj li havas bonan impreson de nia organizo.
]
Alia interesa diskutrondo temis pri "alternativoj al la tutmondiĝo" organizita de JustAct, iom ekstrema sed tamen interesega usona organizo kiu kunligas diversajn naciajn NRO-n. En tiu diskutrondo la plejgranda parto de la partoprenantaro estis anglaparolantoj, kaj preskaŭ malpli ol 10 homoj estis hispanparolantoj... Tiam, kiam ili parolas pri "justice" kaj pri "equality" mi profitis la okazon por paroli pri lingvorilataj aferoj, kaj surprize, kelkaj diris al mi ke ili neniam antaŭe pripensis la aferon pri la Monda Lingva Problemo (lingva demokratio, lingvaj rajtoj, ktp), kaj fakte interesiĝis pri nia laboro... Interesa afero por mi, ĉar kiuj diris tion estis ĉiuj anglalingvanoj.

Ege bedaŭrita kaj riproĉita estis la neĉeesto de la Kuba junular-reprezentantoj, ĉar ili ne ricevis vizon pro politikaj kialoj, tute ne akcepteblaj kialoj en tiu ĉi gravega Festivalo, kiu devus montri diversecon, amplekson kaj toleremon...
Interalie, tri grandaj forumoj okazis dum la festivalo, pri la "junularo kaj tutmondiĝo", "junularo kaj internacia kunlaborado" kaj la alia ŝanĝis je la fino la nomon kaj la temon :-). Ankaŭ bedaŭrata afero estis la unua reago de iu nacia ĵurnalo, kiu titoligis la festivalon je la unua paĝo: "Monda Junulara Festivalo: Sodoma kaj Gomorra" montrante foton de junuloj dancante tute kovritaj de koto dum teatraĵo. Tio estis alia netolerema kaj nekomprenema reago al tiom grava internacia aranĝo. Ili kritikis tion, ke la festivalo esti plena je "Festoj, Bieroj, Sekso" tute sen konsideri la multajn fruktodonajn tagojn ankaŭ plenaj je interesaj seminarioj, prelegoj, kunlaborado, ktp.

Sed aliflanke, alia nacia ĵurnalo nomita "El Universal" intervjuis multajn partoprenantojn (inter ili mi) kaj multaj diris , same kiel mi, ke "la festivalo havis amason da problemoj ligitaj ĉefe al la programo-strukturo sed tamen ĝi ne estis nur festo, ĝi esti ankaŭ bonega oportuno por lerni kaj koni ege interesajn junularajn organizojn el la tuta mondo". La festoj estis ankaŭ parto de la spirito de la festivalo, sed ne nura okazaĵo dum ĝi.

Interesegaj organizoj kiuj partoprenis estis, inter multaj aliaj: Patrinoj kaj ankaŭ Avinoj de la Placo de Majo, tutmonde ege konataj pro siaj laboroj pri Homaj Rajtoj de la perfortaj malaperigoj en Argentino, JustAct, ASA (asia-pacific students association), EYF (Europa Junulara Forumo), geskoltoj el diversaj landoj, Reut-Sudaka (kiu laboras kun kristanaj, judaj kaj palestinaj gejunuloj en Israelo kune por la paca kunvivado), kaj multaj aliaj, indaj organizoj, kiuj faras ion por iomete plibonigi la mondon. :)

*Mayrim Sandoval estas estrarano de TEJO*

**Junularo filmas en Kolombio**
"Tre bonŝance la plimulto de spektantoj dum la ArtaVespero de la ĵusa Kolombia Kongreso [en Fusagasugá, http://www.kolombiakongreso.8k.com] tre multe ŝatis nian filmon ('4 X 4') kaj gratulegis la geaktorojn kaj reĝisorojn.", rakontas Rikardo Carrillo. "Pluraj gesamideanoj montriĝas interesataj pri akirado de la filmo. Mi rimarkigas tion ke ĝi ne estas profesie farita kaj geaktoroj estas gejunuloj kiuj multe amas Esperanton kaj sindediĉis al ĉi tiu filmo dum 4 monatoj. La filmo daŭras ĉ. 1h10. Eĉ profesiaj filmofarantoj ĉeestintaj dum la prezentado multe gratulis min pro la filmo. Certe kiam oni volas multe fari ion ne gravas havi multekostegajn rimedojn, nur volon". La adreso de la Kolombia junularo por pliaj informoj estas <cxastulo@yahoo.com>.

---

**Venezuelo kongresos**
Venezuela Esperanto Asocio estis fondita en la jaro 1912 fare de la unua prezidanto, Benito Lozada Azocar, en la urbo Maturin. Por festi tiun gravan datrevenon, la 90-jariĝo de malgranda sed organizita kaj funkcianta landa movado, inter la 26-a kaj 29-a de aprilo de la jaro 2002 la venezuelaj esperantistoj okazigos sian 9-an TUTLANDAN RENKONTIĜON en Karakaso, la ĉefurbo de la lando. Informoj ĉe: <venesperanto@tutopia.com>

**Poluso pri Paco**

Je la inaŭguro de neŭtrala "Poluso pri Paco" unuafoje en la lando Argentino, en la banurbo Sankta Teresita, Provinco de Buenos Aires, la 22-an de novembro de 2001 okazis elstara ceremonio ĉe placo.
Laŭ la raporto de la ĉefa organizantino, S-ino Susana Andres de Freidenberg, de la Biblioteko "Alfonsina STORNI" (http://www.santateresita.com.ar -rigardu butonon "biblioteca", publika bibblioteko) okazis la jeno: "Plena sukceso!!! Pli ol 500 personoj ĉeestis por akompani tiun veran realon. La loko en la placo estis ornamita per floroj kaj plantetoj el la koloroj kiuj signifas la 5 kontinentoj. Delegita persono vojaĝis 200 kilometroj por alporti la bezonatajn florojn! La vetero akompanis kun belega suno kaj blua ĉielo, ĉeestis ĉiuj gentaj kolektivecoj kun iliaj flagoj (grekoj, rusoj, japanoj, ktp. ĉiuj loĝantaj en la urbo mem kaj ĉirkaŭaĵoj), ankaŭ la lernejoj en etoso de paco kaj harmonio, la radioj kaj televid-kameraoj elsendis amase. Kiam oni faris unu minuton da silento pro la viktimoj de la perforto, la ĉeestantoj emociiĝis ĝis larmoj. Estis legitaj la aliĝoj ricevitaj el la tuta mondo. La frazo "Ke la paco superregu sur la tero" estis dirita en 25 malsamaj lingvoj, inter ili en esperanto. Tion faris homoj el la diversaj komunumoj de Sankta Teresita.
En la placo estas obelisko, kaj en tiu obelisko oni inaŭguris ŝildojn, en unu flanko la sama frazo en hispana lingvo, en la alia flanko en Esperanto. Oni klare eksplikis pri la signifo de la internacia lingvo, malmulte konata de la loĝantaro, kaj rezulte, oni komencos kurson de esperanto en la biblioteko fare de profesorino de lingvoj loĝanta en la banurbo kiu antaŭe studis esperanton. Ĉio farita, estis sincera kun sento, kaj la ĉeestantaro scias perfekte pri nia sincereco, kaj tio estis parto de la grava sukceso de la alvoko".

Raportis **Alfredo Juan VALLE**
alvalo@arnet.com.ar

**Esperanto en la bibliotekojn de Brazilo**

En la pasinta julio, okaze de la datrevena festo de Kultura Kooperativo de Esperantistoj (50 jaroj), estis lanĉita la Kampanjo "Esperanto en la Bibliotekoj de Brazilo". Pri kio temas? En la daŭro de sia ekzistado, KKE ĉiam estis ligita al la Esperanto-libro, ĉu per eldonado, ĉu per vendado.
Nun oni lanĉis novan projekton ligitan al la E-a libro. Ni konstatis, ke malmultas E-aj libroj en la brazilaj bibliotekoj. Tial ni starigis fonduson, kiu celas kolekti monon por aĉeti librojn en aŭ pri E-o kaj donaci ilin al publikaj bibliotekoj en nia lando. Jam dek naŭ homoj aliĝis al tiu kampanjo. Ĉiu apoganto subskribas promeson kontribui po R$ 10,00 monate, dum unu jaro, al tiu fonduso. Ni elektis 10 titolojn kaj iom post iom sendas ilin al publikaj bibliotekoj en Brazilo. Temas pri didaktikaj libroj, vortaroj, gramatikoj kaj literaturaj libroj en la internacia lingvo. En la pasinta semajno ni sendis la unuan pakaĵon. La unua elektita biblioteko estis la Nacia Biblioteko en Rio de Janeiro, kiu jam respondis informante kaj dankante pri la sendo. Sekvos proksimajn semajnojn ekspedado de novaj pakaĵoj al urbaj bibliotekoj en Barra do Garças, Resende kaj Belo Horizonte (adresoj indikitaj de kelkaj aliĝintoj al la kampanjo). Se vi volas pliajn informojn aŭ ricevi la aliĝcirkuleron bonvolu sin turni al Kultura Kooperativo de Esperantistoj, Av. 13 de Maio, 47 - sobreloja 208, Rio de Janeiro, RJ, 20031-007 - Brazilo aŭ per la retadreso kkeesperanto@ig.com.br.

Kun koraj salutoj,
**Aloísio SARTORATO**
Rio, Brazilo

**Donacoj al FONDAĴO AMERIKO de UEA - Kial?**

En la listo de projektoj farendaj estas nun la provizado de komputilo al Argentina E-Ligo, la starigo de Amerika Oficejo en Brazilo, subteno al la okazigo de la Nacia Kuba Kongreso, sendado de materialo al Ekvadoro, Honduro kaj Ĉilio ktp.

Kiel kontribui?

- Tra via UEA-konto aŭ via Landa Peranto
- Per kreditkarto al Centra Oficejo de UEA (por donacoj UEA ne aldonas administrajn kostojn de la kreditkarto)

Koran dankon!

Donacojn oni povas sendi al landa kotizperanto aŭ rekte al Centra Oficejo de UEA - Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando. La manierojn transpagi vi trovos en la paĝo 39 de Jarlibro 2001. Ne forgesu klare indiki, ke via donaco celas FONDAĴON AMERIKON.

**Laborgrupo de IASE (Inter-Asocia Seminario pri Eduka Materialo) pristudas novajn metodojn kaj materialojn por esperanto-instrudado al infanoj** en baz- kaj mez-lernejoj dise en la mondo. Metodoj kiuj entenas la pedagogiajn evoluojn de lingvo-instruado:

- instruado en realaj situacioj,
- dokumentoj pri spertoj (korespondado, vizitoj, ktp.),
- instruista libro respondanta al ĉi-tiuj metodoj...

La celo estas krei plur-nivelajn novajn materialojn por enlerneja instruado. Ĉu tio estu skribe, aŭdvide, ludoj, kantoj, ktp, ĉiuj viaj informoj estos nemalhaveblaj.

Ĉu vi mem povas helpi nin pri tio, kaj, se ne, disdoni ĉi-tiun mesaĝon al konatoj kiuj povas kunlabori en tiu priesploro. Dankon! Kontaktoj:

Christian de Wilde - Chaumat - FR-63490 Sugeres
Tel. +33 (0)4 73 70 74 48 - Fakse +33 (0)4 73 70 74 49
<christian.dewilde@laposte.net>

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

**Argentino**

Laŭ raporto de Mario Miranda, por la 2-a MERKOSUDA KONGRESO POR KULTURO DE PACO 2001, inter la 11-a kaj 20-a de Septembro 2001, Buenos Aires Esperanto Asocio ricevis 67 mesaĝojn el 32 landoj.

**Brazilo**

Brazila Esperanto-Ligo (bel@esperanto.org.br) proponas peri la presadon en diversaj lingvoj de sia sukcesa kolora faldfolio "Quem sabe Esperanto vive o mundo". ("Kiu scipovas E-on, tiu spertas la mondon"). Oni nun analizas la kvantojn petatajn por fari kalkulon pri pres- kaj sendo-kostoj. Tradukontoj sin proponu.

**Ĉilio**

Ĉilia Esperanto-Asocio (http://esperanto.cl) havis sian 6-an Nacian Esperanto-Renkontighon, la 27an kaj 28an de Oktobro, en Santiago. Gastigis ĝin la nacia oficejo de Ĉilia Geskolta Asocio.

**Honduro**

Elmer Escoto kaj Reynaldo López Noll klopodas starigi landan asocion kaj bibliotekon en sia lando. Ili bonvenigas lernolibrojn, malnovajn legolibrojn kaj gazetojn. Kontaktu eescoto@klynk.com

**Kanado**

Kanadaj esperantistoj ekis kampanjon por ke Radio Kanada Internacia (RKI) elsendu rete en esperanto. RKI estas la oficiala voĉo de Kanado eksterlande. "Ni kredas ke se ni ricevos apogon de la tuta mondo estos pli da ŝanco sukcesi. Nuntempe RKI esploras la eblecon aldoni novajn lingvojn al la jam ekzistantaj", rakontas Normand Fleury, prezidanto de ESK. Rete subskribu petleteron ĉe: http://www.chez.com/rki

**Kolombio**

Se oni ekscias kiel disvolviĝis la kongreso en Kolombio, certe vekiĝos la deziro iri kaj kunĝui la venontan kongreson, en Novembro 2002. Raporto troviĝas en http://www.geocities.com/kolombio/7akke.htm

**Kostariko**

Antonio LEONI estas la ĉefredaktoro de "Tamtamo", organo de "Indiĝenaj Dialogoj" kaj frukto de internacia kunlaboro. us aperis nova numero de la bulteno kaj hejmpaĝo ĉe: http://www.idnetwork.nl/tamtamo

**Kubo**

Kuba Esperanto-Asocio invitas al sia Kvara Nacia Kongreso, kiu okazos inter la 6-a kaj 9-a de Marto 2002 en Havano. Ties kongresoj okazas ĉiun trian jaron kaj celas ankaŭ arigi esperantistojn el la tuta mondo por ke kubaj esperantistoj havu okazon ĝui internacian etoson. La temo estos "Esperanto: ĉu nur lingvo?". En la preparkomitato troviĝas Maritza Gutiérrez.

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

UEA-Komisiono por Ameriko  al la Indekso




novaĵletero de UEA-Komisiono por Ameriko
aperas dufoje en la jaro (Junio kaj Decembro)

**Redaktanto**
James Rezende Piton
Av. João Batista M. do Canto, 257/J2
Campinas (SP) , BR-13031-210, Brazilo
kaj +55 (19) 3272 5212
james.piton@iname.com

**UEA-KOMISIONO POR AMERIKO**

**UEA-Komisiito por Ameriko**
Atilio ORELLANA ROJAS
Riouwstraat 172, NL-2585 HW
Den Haag, Nederlando
+31 (70) 355 6677
+31 (70) 358 4422
iei001@worldonline.nl

**UEA-estrarano (Landa Agado)**
Michela LIPARI (Roma, IT)
**Argentino**
Rubén DIACONU (Pcia R. Sáenz Peña)
**Brazilo**
James REZENDE PITON (Campinas)
**Kanado**
Suzanne CARON-RICHER (Ottawa)
**Kostariko**
Hugo MORA POLTRONIERI (San José)
**Kubo**
Juan Ramón RODRIGUEZ (La Habana)
**Meksiko**
Leonora TORRES y TORRES (México)
**Urugvajo**
Eduardo TRAPANI (Montevideo)
**Usono**
Bill MAXEY (Powhatan)
**Venezuelo**
Juan Eduardo BACHRICH (Caracas)